20a Jaro - No 1 (203) MONATA REVUO Januaro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS, AMATUS VAN DER BIEST, J. VAN LAERE, OSCAR VAN SCHOOR

Direktoro : FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11 ANTVERPENO

Por anoncoj sin turni al : H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO

Pagoj al Poŝtĉeko 1336.67 de Belga Ligo Esperantista

JARA KOTIZ-ABONO Fr. 30

Kun Jarlibro U E A : Fr. 45

Kun Abono „Esperanto" : „ 70

Kun Subtenanta kotizo al U E A : „ 200

## AL NIAJ LEGANTOJ

Per la nuna numero nia revuo eniras sian dudekan vivojaron.

Ĝi prezentas sin sub sia nova formato, laŭ la decidoj de la Komitato de Belga Ligo Esperantista.

Ni ne dubas, ke la nova aranĝo plaĉos al ĉiuj.

Per regula aperado nia organo estos akurata informanto kaj konstanta ligilo inter la Esperantistoj en Belgujo kaj inter niaj lokaj grupoj.

Per fidela helpo de ĉiuj spertaj samideanoj ni disvolvos la literaturan fakon, aperigante originalajn tekstojn kaj tradukojn el nacilingvaj kaj eksterlandaj beletristikaj verketoj.

Ni kalkulas je la efektiva subteno de ĉiuj konsciaj amikoj en la lando ,tiom por la teksta kunlaboro, kiom por la varbado de novaj membroj, la havigo de anoncoj kaj, fine, por la sincera, konstrua konsilado, celanta plibonigon de nia revuo... de ilia revuo !

La unuaj numeroj de la novformata gazeto enhavos ok paĝojn. Dependos nur de bone kondukata komuna kunlaborado de ĉiuj, por ke baldaŭ nia organo enhavu dekdu'aŭ dekses paĝojn, kun (ĉar tio devas esti nia celo) bela kovrilo

Jen programo prilaborota kaj realigota kaj realigebla kun ĉies helpo.

B. E.

## Belga Ligo Esperantista

### XXIIIa Belga Esperanto-Kongreso. SPA, 19-22 de majo 1934 (Pentekosto).

Ni havas la plezuron informi vin, ke nia venonta nacia kongreso okazos en Spa dum Pentekosto proksima. Ne estas necese insisti pri la allogeco de la kongresurbo. Efektive, Spa, « perlo de la Ardenoj », kaj ĝia pentrinda ĉirkaŭaĵo estas sufiĉe konataj kaj ni ne dubas, ke multaj Samideanoj volos profiti tiun okazon por fari belan vojaĝon, tiom pli ke la organizantoj nenion preterlasos por igi la kongreson interesa kaj la restadon plej agrabla. Oni do de nun sin preparu !

Por ĉiuj informoj oni sin turnu al S-ro J. Desonay, « Le Home », 19 rue Sylvela, Spa.

La Ligaj anoj, kiuj deziras pritrakti temon dum la Ĝenerala Kunveno de « Belga Ligo Esperantista » bonvolu informi la Ĝeneralan Sekretarion.

*La Ligestraro.*

## Rezolucio por vere internacia Esperanto

*Unuanime akceptita de la 21a Japana Esperanto-Kongreso en Kioto, la 3an de novembro 1933.*

« La 21a Japana Esperanto-Kongreso atentigas pri la reformemo kaj troa neologismemo de « modernaj » esperantistoj, kiuj konstante malfaciligas nian internacian lingvon. Tro ofte oni ne atentas nin, orientanojn ĉe la enkonduko de « internaciaj vortoj », kiuj ne estas komprenataj en la Oriento, same kiel en multaj eŭropaj landoj.

Nia majstro Zamenhof neniam parolis pri Esperanto kiel « la eŭropa lingvo » sed ĉiam kiel la lingvo « de l' tuta homaro ». La japana Esperantistaro konstatas, ke se la opinio pri Esperanto kiel « la eŭropa lingvo » estus alprenata de la plimulto de niaj eŭropaj samideanoj, la disvastiĝo de nia lingvo en la Oriento estus grave endanĝerigata.

Konsiderante tiun ĉi aferstaton, la 21a Japana Esperanto-Kongreso deklaras, ke

1) La vortfarado per afiksoj kaj kunmetado estas unu el la esencaj karakterizoj de Esperanto ; ĝi estas grava plifaciligo de la lernado.

2) La esenco de la lingvo mem kuŝas en ĝia manifestado, kiu realiĝas ĉefe per la literaturo, konsekvence, fako speciale nomata « literatura », en Esperanto ne povas ekzisti kaj oni ne povas formi ian fakan vortaron literaturan, kiel ekz. maŝinfakan, medicinan, aŭ alian terminaron. Tion ĉi ni asertas spite al la sofismoj de anoj de la tielnomata « literatura fako ».

3) Neologismoj pro bezono de poemfabrikado estas nenio alia ol la degenerado de la arto poezia ; plie, en Esperanto ĝi signifas rekte danĝeran ludon kontraŭ la Fundamento.

Konsiderante, ke ni ekstrem-orientanoj povas fari pli objektivan juĝon pri la internacieco ol la eŭropanoj kies lingvoj estas tro proksimaj al Esperanto

kaj gardi severan senpartiecon kaj neŭtralecon, ni kunvenintaj en la Laborkunsido de la 21a Japana Esperanto Kongreso en Kioto, energie malrekomendas, pro la bono de nia lingvo, la uzon de neologismoj sen nuanca diferenco aŭ kun perforta nuancigo.

Ni vokas al niaj samideanoj en la Okcidento : la epoko de eŭropa aŭ ali-kontinenta idea imperialismo jam definitive pasis. Vivu la tuthomara solidareco kaj la inter-kontinenta lingvo Esperanto ! Vivu ankaŭ la egaleco de rajtoj de ĉiuj popoloj ankaŭ sur la lingva kampo internacia ! »

Ni gratulas niajn japanajn samideanojn kaj kun plezuro diskonigas per tiu ĉi gazeto ilian sencoplenon rezolucion.




**El bultenoj N-roj 1-3:**

OFICIALA INVITO: Sveda Trafika Asocio kune kun Sveda Esperanto-Federacio.

ADRESO DE L.K.K.: Fredsgatan 4, Stockholm.

POŜTA ĈEKKONTO: N-ro 50443, Stockholm.

BANKKONTOJ: Svenska Handelsbanken, Stockholm 16: Sundsvalls Enskilda Bank, Fredsgatan 4, Stockholm.

KOTIZOJ: Ordinara kotizo estas 25.— sved. kronoj.

*Frupagantoj* (ĝis 31 marto 1934) pagos nur 20.— sved. kr.

*Malfrupagantoj* (post 1 julio 1934) pagos 30.— sved. kr.

*Junuloj* (malpli ol 16-jaroj) 5.— sved. kr.

*Blinduloj senpage.*

KONGRESEJO: Laborkunsidoj kaj fakaj kunvenoj okazas en la sveda parlamenta domo, la solenaĵoj en la koncerta domo, la balo en la urbodomo de Stockholm.

DONACOJ por la kongresa kaso ni danke akceptas.

BLINDULA KASO: Por partopreno de blinduloj ni danke akceptas mondonacojn.

FAKAJ KUNVENOJ: Pri anoncigo de fakaj kunvenoj kiel eble plej baldaŭ ni petas. Ĝis nun anonciĝis specialaj kunvenoj por: Bahaa-movado, Blinduloj, Esperanto-Institutoj, ILEPTO, Internacia Pacifista Ligo, TAGE, TEKA, Vegetaranoj.

MANĜO: En Stockholm ekzistas tre multaj popularaj, bonaj restoracioj, kie oni povas ricevi tagmanĝon por 1.— sved. kr. En luksaj restoracioj tagmanĝo por 2,50 kr.

LOĜEJOJ:

A: luksaj hoteloj — Sved. kr. 10—20.

B: komfortaj hoteloj — kr. 7—10.

C: simplaj hoteloj — kr. 5—7.

D: modestaj hoteloj — kr. 4—5.

E: komunaj loĝejoj por 6 ĝis 20 personoj — kr. 1,25—2. Trinkmono enkalkulita.

FERVOJA RABATO EN SVEDLANDO: Por la vojaĝo al la kongreso estas jam interkonsentite pri 25 % rabato.

VOJAĜKOSTOJ: (Laŭ informo de sveda vojaĝoficejo) estas por kongresanoj inter la kongresurbo Stockholm kaj Antverpeno (Bruselo) : 82 sved. kr.

PROVIZORA PROGRAMO:

*Sabate 4 aŭg.*: Solena malfermo de la kongreso en la koncerta domo de Stockholm. — Poste interkonatiĝa vespero en la plej granda restoracio de Stockholm: La salonoj de Berns.

*Dimanĉe 5 aŭg.*: Diservoj diversspecaj en ĉefaj preĝejoj de Stockholm.

Poste mallonga ekskurso al la bela arkipelago ekster Stockholm.

Vespere koncerto en la Koncerta domo de la fama ĥoraro Dalekarlia sub gvido de la konata sveda komponisto Hugo Alfvén.

*Lunde 6 aŭg.*: Malfermo de la somera universitato de rektoro Sam Jansson. Famaj sciencistoj svedaj kaj alilandaj jam promesis partopreni. La somera universitato havos du sekciojn: a) pri sveda popolo kaj moroj, b) kun ĝenerala enhavo. (Somera universitato kaj ĉiuj kunsidoj okazos en la sveda parlamenta domo.) Unua kunsido de UEA. Fakkunsidoj. Vespere oficiala akcepto de la urba magistrato per solenaĵo en la Blua salono de la Urba domo.

*Marde 7 aŭg.*: Somera universitato. Kunsidoj. Vespere naciaj dancoj kaj speciala programo en la subĉiela muzeo, la belega Skansen.

*Merkrede 8 aŭg.*: Somera universitato. Kunsidoj. Vespere teatra prezentado.

*Jaŭde 9 aŭg.*: Tuttaga ekskurso al Upsala, Sigtuna, Skokloster, Mariefred ktp. laŭplaĉe. Literatura kabaredo.

*Vendredo 10 aŭg.*: Somera universitato. Kunsidoj.

Vespere internacia balo en la Blua salono de la Urba domo.

*Sabate 11 aŭg.*: Fermo de la kongreso.

KONGRES-KARAVANOJ estas planitaj por: *angloj* de British Esperanto Association, 142 High Holborn, *London W. C. 1.*; *danoj* de: s-ro M. Palberg, Nyborggade 3, *Aarhus*; *estonoj* de: E. T. K., pk 6, *Tallinn*; *finoj* de: s-ro T. Leivo, Siltavuorenranta 4 A 16, *Helsinki*; *francoj* de: s-ro P. Petit, 59 Rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois *germanoj* de: s-ro Fr. Ellersiek, Wilmsstr. 5, *Berlin SW 61*; *italoj* de: Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, *Milano*; *nederlandanoj* de: s-ro F. Telling, Bellevoystraat 36, *Rotterdam*.

La aranĝantoj de karavanoj posedas aliĝilojn kaj estas informitaj pri la detaloj de la kongreso. Oni veturas al la kongreso malkare, agrable kaj senzorge se oni vojaĝas en karavano! Pro tio ni konsilas aliĝi al iu el la planitaj grupvojaĝoj.

FAVORAĴOJ: Ĉiu kongresano ricevos senpage la belan svedan Esperanto-Gazeton ekde la aliĝo. Do, ju pli frue vi aliĝas, des pli multe vi gajnas!

REKLAMAFIŜO pri la kongreso estas havebla senpage ĉe LKK. Formato 100×70 cm.

GLUMARKOJ estas haveblaj. Prezo: 20 por sv. kr. 0,50.

ONI VIVAS MALMULTEKOSTE en Stockholm nuntempe. Speciale favore estas por eksterlandanoj, kaŭze de la momenta valutofalo de la sveda krono. Ekz. 1 sved. kr. = 1 angla ŝl.; 0.24 dol.; 0.70 germ. m.; 0.85 svis. fr.; 0.40 ned flor.

ALIĜU do tuj por profiti el la valutodiferencoj!

*Loka Kongresa Komitato.*

## ANTAŬKONGRESO EN NORVEGUJO.

La Norvega Esperantista Ligo dissendis koran inviton por antaŭkongreso en Oslo la 2an kaj 3an de Aŭgusto 1934. Baldaŭ ĝi sciigos la programon. Jam de nun oni povas sin turni por detaloj al N. E. L., Boks 388, Oslo.

## La Sekreto de Mastro Kornilo

de **Alph. Daudet.**

Francet Mamaï, maljuna fajfilludisto, kiu de temp' al tempo pasigas la vesperon ĉe mi trinkante varman vinon, rakontis, pasintan nokton, malgrandan vilaĝodramon, kiun li ĉeestis antaŭ dudeko da jaroj. La rakonto de la bona viro kortuŝis min kaj mi klopodos ĝin rediri tia, kia mi ĝin aŭdis.

Imagu momenton, karaj legantoj, ke vi sidas antaŭ kruĉo da vino tute parfumita kaj ke maljuna fajfilisto parolas al vi.

Nia lando, mia bona sinjoro, ne estis ĉiam tia malviva kaj senkanta loko kia ĝi nun estas. Antaŭe fariĝis tie grava komerco de muelado kaj, el la ĉirkaŭaĵoj, de dek mejloj, la farmistoj alportis al ni la muelotan grenon... Ĉirkaŭ la vilaĝo la montetoj estis suprekovritaj per ventmuelejoj. Dekstre kaj maldekstre oni nur vidis brakojn, kiuj turnis laŭ la nordokcidenta vento super la pinoj. Aroj da malgrandaj azenoj ŝarĝitaj per sakoj supren- kaj malsupreniris laŭlonge de la vojoj ; kaj dum la tuta semajno plezuro estis aŭdi sur la altaĵoj la bruon de la vipoj, la krakadon de la toloj kaj la « Dia hue ! » de la helpmuelistoj. Dimanĉe mi iris al la muelejoj. Tie supre la muelistoj pagis al ni muskatvinon. La muelistinoj estis belaj kiel reĝinoj kun siaj puntaj ŝultrotukoj kaj siaj oraj krucoj. Mi kunportis mian fajfilon kaj ĝis la nigra nokto oni dancis farandolojn (1). Tiuj muelejoj, vi komprenas, faris la ĝojon kaj la riĉecon de nia lando.

Malfeliĉe, Francoj el Parizo havis la ideon starigi vaporfarunejon sur la vojo al Tarascon. Tute bele, tute nove. La homoj alkutimiĝis sendi siajn grenojn al la farunejoj kaj la plendindaj ventmuelejoj restis sen laboro. Dum kelka tempo ili provis kontraŭbatali, sed la vaporo estis la plej forta kaj, unu post la alia, ho ve, ili devis fermiĝi... La azenetojn oni ne plu vidis... La belaj muelistinoj vendis siajn orajn krucojn. Plu da muskatvino ! Plu da dancoj ! La nordokcidenta vento povis blovi, la brakoj restis senmovaj... Kaj, unu tagon, la komunumo malkonstruigis ĉiujn tiujn domaĉojn kaj sur ilia loko oni semis vinberujojn kaj olivarbojn.

Tamen, meze de la ruinego, unu muelejo ne cedis kaj kuraĝe turnadis sur sia monteto antaŭ la nazo de la vapormuelistoj. Estis la muelejo de Mastro Kornilo, tiu sama en kiu ni nun pasigas la nokton.

Mastro Kornilo estis maljuna muelisto, vivanta jam de sesdek jaroj en la faruno kaj pasie ŝatanta sian metion. La starigo de la vapormuelejoj lin kvazaŭ frenezigis. Dum ok tagoj oni lin vidis kuranta en la vilaĝo, amasiganta la homojn ĉirkaŭ si kaj krianta kiel eble plej laŭte, ke oni volas venenigi la Provencon per la faruno de la vapormuelejoj. « Ne tien iru », li diris, « tiuj friponegoj, por fari panon, uzas la vaporon, kiu estas diabla eltrovaĵo, dum mi laboras kun la nord' kaj nordokcidenta ventoj, kiuj estas la spiro de la bona Dio... » kaj li trovis multajn, belajn vortojn je la laŭdo de la ventmuelejoj, sed neniu aŭskultis lin.

Tiam, pro ega furiozo, la maljunulo enŝlosis sin en sia muelejo kaj vivis tute sola kiel sovaĝa besto. Li eĉ ne volis gardi kun si sian nepinon Vivette, infano dekkvinjara, kiu, depost la morto de siaj gepatroj, nur havis sian avon sur la tero. La malfeliĉulino estis devigata gajni sian vivopanon dungigante sin ĉiuloken en la farmoj por la rikolto de la greno, de la morusfolioj kaj olivoj. Kaj ŝia avo tamen ŝajnis multe ŝin ami, tiun infanon. Ofte okazis, ke li piediris kvar mejlojn por ŝin viziti en la farmon, kie ŝi laboris kaj kiam li estis apud ŝi li pasigis tutajn horojn plorante ŝin rigardante.

En la regiono oni pensis, ke la maljuna muelisto, forpelante Vivette, agis pro avareco ; kaj ne estis honorige por li, ke li lasis sian nepinon treni de unu farmo al alia, neprotektata kontraŭ la maldelikategecoj de la servistoj kaj ĉiuj la mizeroj de servantaj junulinoj. Malbona oni ankaŭ trovis, ke homo kun la reputacio de Mastro Kornilo kaj kiu ĝis tiam sin respektis, nune tra la stratoj iris kiel almozulo, nudpiede, kun truita ĉapo kaj disŝirita jako... Estis fakto ke, dimanĉe, kiam li eniris la preĝejon por la meso ni hontis pro li, ni la maljunuloj ; kaj Kornilo tion tiel bone sentis, ke li ne plu kuraĝis sidi sur la presbiterbenko. Li ĉiam restis en la fundo de la preĝejo, apud la benita akvujo, kun la malriĉuloj. Estis io neklara en la vivo de Mastro Kornilo. De longe jam neniu, en la vilaĝo, ankoraŭ alportis grenon al li kaj tamen la brakoj de lia muelejo turnis kiel kutime... Vespere oni renkontis sur la vojoj la maljunan muelíston puŝantan antaŭ si sian azenon ŝarĝitan per dikaj farunsakoj.

— Bonan vesperon, Mastro Kornilo ! kriis al li la kamparanoj ; ĉu la muelado ĉiam prosperas ?

— Ĉiam, miaj infanoj, respondis la maljunulo kun gaja mieno. Dank' al Dio ne estas la laboro, kiu mankas al mi.

Kaj kiam oni lin demandis de kie povis veni tiom da laboro, li metis fingron sur la lipojn kaj respondis serioze : « Motus ! mi laboras por la eksportado.. » Neniam oni sukcesis pli multe scii. Kaj enŝovi la nazon en lian muelejon estis tute neeble. La malgranda Vivette eĉ ne tien eniris. Kiam oni ĝin preterpasis, oni ĉiam trovis la pordon fermita, la dikajn muelejbrakojn senĉese moviĝantaj, la maljunan azenon brutanta la herbon de la plataĵo kaj grandan, maldikan katon, kiu ĝuis la sunon sur la randaĵo de la fenestro kaj kiu vin rigardis kun malbona mieno.

Ĉio tio ĉi havis misterodoron kaj, sekve, la personoj multe babilis. Ĉiu klarigis laŭ sia maniero la sekreton de Mastro Kornilo, sed la ĝenerala opinio estis, ke en tiu muelejo estis multe pli da monosakoj ol da faruno.

*(Daŭrigota)*

(1) Provenca longvica danco.

---

KLARVIDA EDZO — *Ŝi.* — Mi estas certa, ke mi ankoraŭ forgesis aĉeti ion.

*Li.* — Jes, mi tion opinias ankaŭ.

*Ŝi.* — Kiel vi povas scii tion ?

*Li.* — Estas ankoraŭ mono en via monujo



## LA REĜINO DE LA DANC'

**Memoraĵo de la Kongreso en Kolonjo 1933**

*Dediĉita al Fraŭlino J. V. B.*

Ho ĉarma reĝin' de la danc'
Ĉu iam mi forgesos vin,
Ja cedis en grandmezur'
Al mia peto kaj plezur'.
Ĉu ne por feliĉigi min
Kun mi vi dancis, ho reĝin'
Ho ĉarma reĝin' de la danc'
Ĉu iam mi forgesos vin.

Kaj kavaliron vian venis,
Ja bonegulo sen-egala,
Sed ĉu li ĝuis pli ol mi
La ravan dancon — ha — kun vi.
Jen ĉe la brusto dolĉ-premeto,
Jen sorĉ'-okul' kaj sorĉ-rideto.
Ho ĉarma reĝin' de la danc'
Ĉu iam mi forgesos vin.

H. MOY THOMAS.

*Kolonjo, Aŭgusto, 1933.*

### La Spegulo

Simpla kamparano vidis
ĉe l'fosaĵ' — dum terlaboro —
brilan aĵon, kaj ne fidis
la okulojn post esploro
de l'objekto. « Ha !» li diris,
« jen de mia patro, juna,
estas la portret', mi miras !
Dio dankon por la nuna
dono Via ! » Kaj, sur koron
kaŝis li — kaj je l'vespero
sub matracon — la trezoron :
ĉar edzino kaj danĝero
ofte estas sinonimo.·.

Nia edz' apenaŭ dormis,
ke l'edzin' per pantomimo
ekleviĝis, sin informis
pri l'sekreto submatraca,
Kaj en lumo de la luno
vidis, kun vizaĝ' grimaca,
ja trafita de harpuno,
ŝi, la pruvon de l'adulto :
« Ha, la pork' ! Mi estis prava, »
ŝi murmuris kun singulto,
« sed insulto la plej grava
estas, ke preferas li
fi-virinon super mi ! »

TYNEVERUM.

## BELGA KRONIKO

*Por la kroniko : la grupoj volu sendi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton je la 15a de ĉiu monato, kun sia programo por la sekvonta monato*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo de Antverpeno "La Verda Stelo",** Societo sen profita celo. — 1933 mortis. Vivas « La Verda Stelo » ! Ĝi brile venkis la malfacilaĵojn de la pasinta malfavora jaro, kaj la sindona fervoro de ĝiaj fidelaj membroj estas promesoplena por la estonto. Kio do pli komprenebla ol ke la grupo eniris la novan jaron ĝoje kantante. La unua kunveno de Januaro estis ja rezervita por komuna kantado, kiu, kiel kutime, bonege sukcesis. — La 9an de Januaro komenciĝis nova kurso, gvidata de S-ro O. Van Dijck kun dudeko da lernantoj. — La 13an la membroj havis la okazon aplaŭdi S-ron H. Sielens, kiu faris sian unuan paroladon en Esperanto. Krom pro la klara pritrakto de sia temo « La Vitaminoj », S-ro Sielens meritas specialan laŭdon pro la bonega elparolado de nia lingvo, kiu bele kaj facile fluas el lia buŝo. Tiu nova juna amiko sendube faros bonajn servojn al nia movado. — La 20an, la Verdstelanoj estis la gastoj de Ges-roj A. Faes, kiuj denove oferis al ili belan gramofonkoncerton. La multaj ĉeestantoj tre ĝuis la diversajn diskojn, kaj la Prezidanto, S-ro Fr. Schoofs, certe interpretis ĉies pensojn esprimante koran dankon al la afablaj gastigantoj. — La 23an de Januaro estis la 28a datreveno de la fondiĝo de la grupo. — La laŭstatuta Ĝenerala Jarkunveno okazis la 27an. La raportoj de la Administrantaro kaj de la Komisaroj, kiuj atestis pri la granda aktiveco kaj bonega situacio de la societo, estis varme aplaŭdataj kaj unuanime aprobataj. Post kiam la kunsido ankoraŭ kvitigis la Administrantojn kaj Komisarojn pri ilia agado en 1933, S-ro Fr. Schoofs rememorigis per kelkaj trafaj vortoj la 28-jaran ekziston de la grupo, kaj dankis la membrojn kaj siajn kunlaborantojn en la administrado, precipe S-rojn H. Boffejon kaj G. Van den Bossche. Specialan dankvorton li havis por S-ro Edg. De Coster, por kiu tiu ĉi kunveno signis la dekan datrevenon de lia elektiĝo al la posteno de kasisto, kiun li tiom sindone kaj zorge plenumas. — Laŭ ĉiujara kutimo, la Prezidanto transdonis la bronzan honormedalon de la grupo pro dekjara membreco, al S-ino Lucette Faes-Janssens, F-ino Adrienne Peeters kaj S-ro Auguste Faes.

Kiel antaŭe, ĉiuj kunvenoj komenciĝis per parolata gazeto, lerte farita sinsekve de F-ino H. Hofkens, S-ino L. Faes-Janssens kaj S-ro L. De Hondt.

BRUSELO : **Esperanta Brusela Grupo.** — La 4an de Decembro ni havis feston okaze de la disdono de diplomoj al la ekslernantoj kiuj sukcesis la lastan ekzamenon pri kiu ni jam raportis en nia antaŭa numero. — La 11an la kunvena prezidantino, F-ino Jennen faris paroladon pri vojaĝo tra Hispanujo kiun ŝi faris kune kun F-ino Obozinski antaŭ kelka tempo. — La 18an oni parolis pri diversaĵoj kaj poste la kunvena Prezidanto, S-ro De Boeck rondirigas bonhumoraĵon, petante precipe la gelernantojn, ke ili legu parton laŭvice. — La 29an de Januaro oni malfermis en nia ejo (4, Granda Placo) novan kurson sub la gvidado de F-ino Obozinski. — La 8an de Januaro, S-ro Castel prezidis. Okaze de la festo de l' tri reĝoj ; S-ino Lavisse disdonis kukojn kaj oni elektis reĝon kaj reĝinon. Je la honoro de la gereĝoj oni kantis gajajn kantojn. — La 15an F-ino Obozinski prezidis kaj organizis diversajn societludojn kiuj gajigis la ĉeestantaron. — La 22an S-ro Swin-

ne prezidis kaj ankaŭ gvidis societludojn. — La 29an S-ino Staes prezidis kaj aranĝis legadon de diversaj historietoj. Ĉiuj membroj devis legi kaj traduki, ĉar oni pensis ke estis bona ekzerco por la novaj gelernantoj, kiuj ĉeestis.

GENTO: **Genta Grupo.** — La grupaj kunvenoj okazas regule ĉiumerkrede, je la 7a vespere, en la lernejo: Nova strato Sankta Petro, 45. La anoj estas petataj ĉeesti akurate tiujn kunvenojn dum kiuj oni interparolas pri diversaj interesaj temoj. — La membroj, kiuj ne jam repagis sian kotizon por 1934, bonvolu tion fari senprokraste por ebligi la bonan funkciadon de la nova organizado. Ili pagu dum la merkreda kunveno aŭ al la ĉekkonto n-ro 372.77 de S-ro Henri Petiau.

LIEĜO. — GRUPOJ DE CHÊNÉE — LIEĜO kaj SCLESSIN. — **Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto.** — Januaro estis la monato de la ĝeneralaj kunvenoj. La grupoj de Sclessin, Chênée kaj Lieĝo kunsidis sinsekve la 4-an, 8-an kaj 21-an; ili nome reelektis siajn komitatanojn kaj decidis pri la programo de siaj kursoj elementaj kaj perfektigaj.

La lasta dimanĉo de la monato estis dediĉata al la ĝenerala kunveno de S.L.P.E., dum kiu oni aŭdis la interesajn raportojn pri la grava agado dum 1933 kaj pri la reorganizado de la movado. La komitatanoj, kies misio finiĝis, estis reelektataj, escepte S-ro Derigat tamen, kiu esprimis la deziron esti anstataŭata de S-ro Thirifays.

Krom tiuj administraj okazoj, kiuj bone sukcesis, daŭris funkcii la diversaj kursoj kaj ekzercigaj kunvenoj, pri kiuj raportoj jam estas faritaj.

---

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

*3 Marto:* Parolata Revuo.

*10 Marto:* Karnavalbalo en salono « De Witte Leeuw ». La membroj estas insiste petataj veni al tiu balo kostumitaj kaj maskitaj. Estos surprizoj kaj premioj.

*8 Marto:* Malfermo de nova kurso, en la Urba Instituto, Belgiëlei 99. Gvidos S-ro H. Sielens.

*14 Marto:* Kunveno de la Ĝenerala Estraro de la Grupo (Administrantoj kaj Komisaroj), en la sidejo, Kl. Hondstraat, 11, je 20 h. 30.

*17 Marto:* Disdono de diplomoj kaj premioj al la lernintoj de la kursoj de S-roj H. Vermuyten kaj H. Boffejon.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **"Bruĝa Grupo Esperantista", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

*26 Febr.:* F-ino De Boeck prezidos.

## Esperanto en la perioda gazetaro

« **Ons Streven** », organo de la Polica Frataro de Grand-Antverpeno daŭrigas regule la publikigon de « Esperanto-Anguleto », dank' al la Antverpena Polica Grupo Esperantista.

« **Brasschaet Sport** », monata revuo eldonata de la Naĝklubo de Brasschaet, apud Antverpeno, aperigis artikolojn pri Esperanto en siaj numeroj de Septembro, Oktobro kaj Novembro 1933.

« **Le Boy-Scout Belge** », oficiala organo de la Baden-Powell belgaj Skoltoj : Federacio de la Katolikaj Skoltoj, komencis en sia numero de Oktobro 1933 koncizan Esperanto-kurson. Ĝis nun aperis kvar lecioonj, kiuj konsistas el : gramatikaj klarigoj, dudirektaj ekzercoj kaj vortareto. Ĉiu leciono ampleksas almenaŭ unu grandformatan paĝon. La liveron de la kurso prizorgas Belga Esperanto-Instituto.

Ni tre atentigas niajn propagandistojn pri la bona laboro kiun ili povas fari, klopodante por atingi similajn publikigojn en aliaj periodaj gazetoj.

Kun plezuro ni vidis, ke tiu rimedo ankaŭ estas uzata en nia najbara lando, Nederlando, kie oni atingis eĉ la aperigon de tutaj artikoloj en Esperanto. Ni ja havas antaŭ ni numeron de « Ontwikkeling-Humor-Ontspanning » ĉiusabata aldono al malnova ĵurnalo « Arnhemsche Courant » kaj de la gazeto « De Zoom », kiuj enhavas plurajn kolonojn da Esperanto-teksto. Per tiu vojo ni efike laboras en ĉiuj vicoj de la publiko.

---

## ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de UEA**

*Adreso: Joh. JUNGFER, Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), (Germanujo)*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Ĵaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉiun duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Barcelona: M; Béziers: S; Brno: S; Graz: Mk; Innsbruck: Mk; Karlskrona: 2.D; Kaunas: J; Klagenfurt: Mk; Leningrad: n; Lille P.T.T. N.: D; Linz: Mk; Lyon-la-Doua: S; Marseille: 2.D; Motala: 4.D; Salzburg: Mk; Stockholm kaj rel.: 4.D; Tallinn: M kaj 4.D; Tartu: 4.D; Radio-Côte-d'Azur: V; Warzawa: 2.Mk; Wien: Mk; Eiffel-Turo: S; Zagreb: 2.S.

RADIO WIEN. — *28 Februaro, 22 h :* Nikolaus Hovorka pri « Modernaj aŭstriaj verkistoj ».

POLAJ RADISTACIOJ: (22 h. ĝis 22 h. 10) : *21 Febr.:* D-ro Marjan Tyrowicz: « La gazetaro en nuntempa Polujo ».

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J; Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte d'Azur: V; Genève: V; Huizen: M; Lyon-la-Doua: D; Marseille P.T.T.: 2.Mk; Sottens: J.

---

Laŭ statistiko kompilita de S-ro Jungfer estis dissenditaj en la jaro 1933: Paroladoj en Esperanto 1311, Program-anoncoj en Esperanto 54. Esperanto-lecionoj 409; entute 1774 dissendoj, kiuj eliris el 83 stacioj en 14 diversaj landoj. — La statistiko ne estas kompleta pro manko de informoj. — Helpu ĉiu, kiu povas, la laboron de S-ro Jungfer!

## Bonhumoro

LA FELIĈECO. — Riĉa negocisto, akirinta belan ĝardenon, skribigis super la pordo la sekvantajn vortojn : « Tiu ĝardeno estos donacata al tiu, kiu povos pruvi, ke li vere estas kontenta ».

Tagon, pasis antaŭ la ĝardeno iu nekonato, kiu demandis ĉu li estas la mastro.

— Jes, Sinjoro, kion vi deziras ?

— Mi deziras okupi tiun ĝardenon, ĉar neniu povas certigi, ke li estas pli kontenta ol mi.

— Sinjoro, respondis la negocisto, vi tute eraras, ĉar se vi estus tiel plene kontenta, vi ne dezirus posedi mian ĝardenon.

SINFORGESEMO. — La hundo estas por la homo amiko tre sincera.

— Kia bela malico !... diras S-ro Senmono. Se mi renkontus iun, kiu min gastigus, nutrus kaj pagus miajn impostojn, mi ankaŭ estus por li sincera amiko.

EN LA JUĜEJO. — *La Prezidanto*. — Vi kruele frapis tiun kompatindulon.

*La juĝato*. — Nur agante tiel mi sukcesis venki lin. Mi ne estas kulpa tial ke li estas spiritkripla.

*La Prezidanto*, severe. — La spiritkripluloj estas homoj kiel vi kaj mi.

— Kio kredigis al vi, ke la ĵuĝotoj estis edziĝintaj ?

— Mi diros al via prezidanta moŝto, ke ili ĉiam diris al si malagrablajn parolojn.

— Li ĵus edziĝis kaj la okazintaĵoj estis tiaj, ke li ekkriis :

— Estas terure, al tiu virino mi devas resti ligata mian tutan vivon ».

La bopatrino respondis kuraĝige : « Konsoliĝu, mia amiko, jam ok tagoj forpasis ».

— Oni ĉiam devas scii, kion oni diras sed ne ĉion diri, kion oni scias.

EN LA JUĜEJO. — « Kian vizaĝon havis tiu kulpigito », flustris virino en la juĝejo al sia edzo. « Oni tuj vidas ke li estas la mortigisto. »

« Silentu do », respondis la edzo. « li ne estas la kulpigito... tiu estas lia advokato ».

— Tio estas almenaŭ en ordo, sopiris la kulpigito serenigite kiam la juĝisto kondamnis lin al trimonata mallibero.

— Kio estas en ordo ? demandis tiu mirigite.

— Nu, mi disputis kun mia edzino. Ni ne sukcesis interkonsenti, ĉu ni pasigos la Kristnaskotagojn ĉe mia patrino, aŭ ĉe la ŝia. Kaj tio almenaŭ estas nun solvita !

NEREFUTEBLA PRUVO. — *Sinjoro* (razanta sin). — Mil Dioj ! Mia razilo ree ne plu tranĉas !

*Sinjorino*. — Vi ĉiam trovas motivon por grumbli; ĝi tranĉas bonege.

*Sinjoro*. — ? ?

*Sinjorino*. — Mi scias bone ; mi estas uzinta ĝin por pintigi mian krajonon.

## BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien ; poŝtĉeko n-ro 1689.58.*

*JACJO HOLM KAJ LIAJ AMIKOJ, verkita de W. G. van de Hulst, tradukita de H. C. van Leeuwen. Eldono de G. F. Callenbach, Nijkerk (Nederlando). 1933. — 238 paĝoj. 15×21 cm. Prezo : Fr. 35,— tole bindita.*

Tiu porinfana verko, kies originala nederlandlingva eldono vendiĝis jam je pli ol 80.000 ekzempleroj, prezentas sin en vesto impona kaj alloga. Tial ĝi estas la revita libro por donaco al niaj dek- ĝis dekkvinjaraj infanoj, al kiuj ĉiu Esperantista patro laŭ sia devo jam de longe instruis Esperanton. Pli bela Pask-rekompenco pro montrita lernemo, ne estas imagebla. La priskribataj infanoj estas vivantaj estaĵoj, kun siaj kvalitoj kaj difektoj, kun siaj belaj kaj malfortaj flankoj, ili trudas sin al nia atento kaj elvokas nian aprobon aŭ malaprobon pri siaj agoj. Tranĉaĵo el la vivo, ne malornamita per tiu ridinda tronaiveco kaj trovirteco, per kiuj multaj aŭtoroj de porinfanaj libroj kredas, ke ili devas plibeligi siajn etajn heroojn. Tiu realismo igas la libron ankaŭ leginda al plenkreskuloj. Ili kapablas sin interesi al la sorto de Jaĉjo Holm kaj simpatii kun ties patro kaj patrino. Ili komprenos, kial ni varme rekomendas la libron al la junaj Esperantistoj, kiuj trovos en ĝi utilajn viv-lecionojn kaj ekzemplojn de knaba kavalireco kaj heroeco. Ĝia legado hardos la junan generacian kontraŭ la kruela realeco.

*MI EN LI. Romano de Ladislav Vladyka. Tradukis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj. Olomouc 1933. — 191 Paĝoj 14×19 cm. Prezo : Kĉ. 26.— nur bindita.*

Romano kiu baziĝas sur fantazia hipotezo kaj kiu konstruas ĉirkaŭ tio bildon de la moderna postmilita grandurba vivado en la monĵetantaj rondoj de spekulistoj kaj noktvivuloj ĉiuspecaj. La mistero en kiun la leganto estas enkondukata, nur klariĝas ĉe la fino de la libro, sed oni tro senteble rimarkas, ke la enigmo estas nur uzata kiel allogaĵo kaj kiel preteksto por pentri la supre aluditajn malmulte rekomendindajn mediojn. Tial la intereso de temp' al tempo malvigliĝas kaj la mistero devas artifike interveni por ree allogi la leganton. La atmosfero estas peza kaj prema kaj oni ne povas sin senigi de la impreso ke nur pulĉineloj kaj ne veraj homoj sin movas antaŭ ni. La libro estas bone tradukita, bele prezentita kaj la presado tre prizorgita. Kelkaj eraroj restis en la teksto, ekz. sur paĝo 72 : *rezumi* anstataŭ *resumi*, sur paĝo 63 : Singarda *trinkanta* Horalek komencis paroli, anstataŭ : Singarde trinkante ; sur paĝo 62 : leutenanto, anstataŭ leŭtenanto, kaj tiel plu.

*LA SORĈISTINO EL KASTILIO, historia bildo, de Salom Asch. El la juda originalo tradukis Izrael Lejzerowicz. Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-amikoj, Budapest. 1933. — 148 Paĝoj. 20×13.5 cm. Prezo broŝ. sv. fr. 3.50, bindita sv. fr. 5.—. Aldono 10 p. c. por sendkostoj. Por membroj de AELA, la dua libro de 1933.*

Ni ne povas gratuli al AELA pri la elekto, kiun ĝi faris, prezentante al siaj enskribintoj, post brila eldonaĵo kiel la Hungara Antologio, verkon al kiu mankas la kvalitoj necesaj por igi ĝin inda kunulo de la antaŭnomita libro. La « sorĉistino » estas karakterizata per stilo ŝveligita kaj plenblovita, patosa retoriko kaj romantiko malbone digesteblaj de mensoj alkutimiĝintaj al la eleganta ekvilibro, la genia simpleco, la forta konciza verkado de la unuarangaj aŭtoroj. La tradukinto klopodis per bona internacia Esperanto igi la verkon simpatia. Ni dubas, ĉu li sukcesos ĝuigi la enhavon, malgraŭ la laŭdinda laboro, kiun li plenumis laŭ esperantlingva vidpunkto. La Esperantista publiko, kies gusto ĉiam pli rafiniĝis, precize pro la bonega laboro farita de niaj literaturaj gvidantoj meritas, ke estontece la eldonantoj evitu la elekton de verkoj, kiuj havas nur ian retrospektivan valoron.

*JUNA ESPERANTISTO. Internacia monata junulara revuo. Oficiala Organo de tutmonda Esperanto-Junulara Asocio. Redakcio-Administracio Krakow, Lelewela 9 m. 2. (Pollando). Ĉefredaktoro : Emil Mayer. 8 Paĝoj. 17×25 cm. Abonprezo eksterlande, jare sv. fr. 2.50.*

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.